


# INTERNACIA FERVOJISTO

2005.2



Novaj dizelaj pasaĝeraj trajnoj ĉe Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj (B.D.Z.)

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

## Raporto de la redaktoro

La tutan jaron 2004, mi akurate provis veki vian scivolon per interesaj artikoloj senditaj de bonvolemuloj. Ni sukcesis atingi la antaŭviditan numeron: la sesan, kies lasta paĝo atingis la numeron 96-an. Dank'al la verkemuloj, nia kontrakto iĝis reala.

Sed, ĉu la enhavo plaĉas al vi ? Ĉu ne eblas plibonigi ĝin ? Mi invitas vin al trafoliumo kaj tralego. Se vi trovis ion tro malinteresa, tuj trovu la anseran plumon, trempu ĝin en la inkujon, verku pli allogan artikoleton kaj sendu ĝin senprokraste al la redaktoro. Ne timu, diru al mi viajn kritikojn, viajn sugestojn, viajn emojn, viajn dezirojn.

Dankon por viaj kontribuaĵoj.

Dank'al la helpo de nia revizoro Albert Gestin, ni ankaŭ klopodas eviti erarojn, sed tiu ĉi strebado ne ĉiam sukcesas. Pro tio, ni antaŭpardonpetas se, de tempo al tempo, vi jam rimarkis kelkajn koboldaĵojn kaŝe enirintajn nian revuon.

Kaj fine, pripensu la aferon. En la postvenonta jaro (2007) mi ĉesos mian taskon de redaktoro. Eble jam mia posteŭlo povas sin deklari preta por helpi IFEF-on plenumante tiun noblan, riĉigan kaj instruan servon. De nun, li, ŝi, povus kunlabori kun mi. Tio estas mia emo.

*Jean Ripoche*

***Frontpaĝe***

Novaj dizelaj pasaĝeraj trajnoj estas aĉetataj de Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj (B.D.Z.). Artikolo aperos en la venonta IF-numero.



Enhavo



## 57-a IFEF-KONGRESO EN BRAŞOV (RUMANIO)
## ( 7-14 de majo 2005)

Kongresadreso: 57-a IFEF-kongreso, RO-Braşov O.P1; C.P.71
tel/fakso: +40 268 320 504
Hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro
Retadreso: refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
Rodica.todor@pcnet.ro

**Atentu pri la nova konto de REFA**
Ekde nun ĝi estas:
(IBAN Internacia) **RO 69 BRDE 080 SV 04 373 250 800**

## Postkongreso en Rumanio

Post la fino de la kongreso, la partoprenantoj de la postkongreso ekveturos sud-orienten de Rumanio, per speciala(j) buso(j) al la urbo **Tulcea,** trapasante tre belan montaran regionon. Dumvoje, oni tagmanĝos kaj post kvin horoj oni alvenos al la deirpunkto de la ekskurso. Post enŝipiĝo, al Maliuc, en modernajn "hotelŝipetojn", kun dulitaj ĉambroj ekipitaj per duŝejo, TV, aparataro kontraŭ la pikoj kaj por refreŝigi la aeron, oni komencos "la Deltan aventuron". .

La duan tagon, ***dimanĉe***, ni eniros la kernon de la **Delto,** sur la lagojn kaj braketojn, alkutimiĝante kun ĝia unika atmosfero. Ni vespermanĝos ekstere, ĉirkaŭ fajro.

La trian tagon, ***lunde***, post matenmanĝo, ni revenos al Tulcea, kiun ni vizitos kaj daŭrigos la vojon ĝis belega **monaĥejo "Kokos".** Posttagmeze, ni konatiĝos kun la valoraĵoj de la antikva urbo - haveno Constante kaj ties ĉirkaŭaĵoj -, la belegaj stacioj de la bordo de Nigra Maro. Ni tranoktos en komforta, moderna hotelo de **Mamaia.**

***Marde,*** post matenmanĝo ni povos profiti la veteron kaj iom bruniĝi. Tagmeze ni vizitos la faman **vinejon Murfatlar.** Post bona manĝaĵo, ni daŭrigos la vojon ĝis Bucureşti - la ĉefurbo de Rumanio - kie ni tranoktos.

La lastan (kvinan) tagon, ***merkrede***, la postkongresanoj, per speciala(j) buso(j), faros rondvojaĝon en la urbo kaj poste vizitos la Palacon de la Parlamento (la duan konstruaĵon en la mondo - post la Pentagono), kaj la Muzeon de la Vilaĝo - riĉan je interesaj eksponaĵoj el tuta Rumanio. Ĉi tie, en romantika, eleganta atmosfero de subĉiela restoracio, okazos adiaŭa (tagmanĝa) festeno.

**DELTO DE DANUBO**

**Sur la vojo de la trezoroj**

Ĉu ni revu kune? Ni povus revi, ke ni trovis mapon... mapon malnovan, kelkloke bruldifektitan, iomete ĉifitan... Feliĉe, la vojo, kiun ĝi montras al ni, restis sufiĉe klare indikita. Ĉu ĝi kaŝas malnovajn padojn de la piratoj, kiuj, bone koninte ĉiujn angulojn




Sekvo en paĝo 21

# Jarraporto de la sekretario, jaro 2004

**Niaj mortintoj**

Nomoj de niaj malaperintoj estos legataj dum la plenkunsido en Braşov.

**1. Membrostato**

La aktuala membrostato estas altirebla de la jarraporto de la Vp.

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis dufoje ekster-kongrese:

- la unuan fojon en Quiberon (FR), 31-1.04.2004. okaze de la FFEA kongreso. Ĉeestis ankaŭ la Ĉk Jindrích Tomišek (CZ).

- reelektita, la e-o renkontiĝis en Predeal (RO) 19-21.09.2004. tuj post la REFA kongreso. Ĉeestis parte la Ĉk Jindrích Tomišek kaj parte la anstataŭantino Rodica Todor (RO); kiel prezidantino de la LKK, ŝi informis la e-on surloke pri la progreso de la preparlaboroj por la IFK.

La e-o traktis kunlabore la kutimajn tagordojn.

**2.2. Ĉefkomitatano(j)**

La Ĉk plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; li dissendis la cirkuleron kun la demandilo kaj apartaj demandoj al la l. a. kaj kun la Vp kolektis la jar-raportojn, preparis kongresproponojn. Kun la Ks li ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj kaj ĉeestis kelkajn jarkunvenojn de l.a.

**2.3. Evoluo en kelkaj landoj**

La Svisa l.a. malfondiĝis fine de la jaro 2004.

En kelkaj landoj, laboras por la l.a. nur kelkaj anoj kaj la estonto de la asocioj estas necerta.

Ni povus diri, ke la movado evoluas al la direkto de aliaj kontinentoj, ĉar, feliĉe Ĉina landa asocio organizos la 58-an IFEF kongreson.

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda servo**

S-ro Dan Dragos Aldea (RO) zorgas pri tiu servo.

**3.2. Faka Komisiono**

Pri la Komisiono zorgas s-o Jan Niemann kiel gvidanto.

**3.2.1. Terminara sekcio**

Gvidas D-ro Heinz Hoffmann.

Krom la kutima zorgo pri la funkciado de la Sekcio, la gvidanto de Ts aparte instigas laboremulojn en unuopaj landoj, kiuj deziras helpi sialandajn fervojajn entreprenojn, traduki difinojn el Esperanto en la nacian lingvon tie, kie troviĝas truoj en la nacia enhavo de la datumbanko de UIC.

**3.2.2. Fake Aplika Sekcio**

Gvidas D-ro Ladislav Kovár, kiu ankaŭ zorgis pri faka dumkongresa programo.

Bedaŭrinde, por eldoni la 12-an numeron de Fervojfaka Kajero mankis materialo.

**3.3. Fervojista kontaktkunveno dum la 89-a UK en Pekino (CN) (2004.07.24-31)**

La UK okazis 24-31.07.2004. kun ĉirkaŭ 2000 samideanoj el 67 landoj. En la fervojista kontaktkunveno ĉeestis 53 gekongresanoj el 14 landoj.

Samtage funkciis la informa budo.

La Vp gvidis la kunvenon kaj informis pri la 56-a IFK en Sopron kaj pri la sekvontaj IFEF kongresoj. Li kontaktis ĉinajn kolegojn kaj pritraktis aktualaĵojn rilate la kongreson en Ĉinio.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF Skisemajno**

S-ro Peyrouty gvidas la IFES.

La 45a IFES sukcese okazis de la 14-a ĝis la 21a de januaro 2004 en Argentière

(FR). Partoprenis 46 personoj el 9 landoj.

**4.2.IFEF - Kongreso**

La 56-a IFK sukcese okazis 8-15.05.2004 en Sopron (HU). Ĝin preparis komune aŭstraj kaj hungaraj gekolegoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboro inter UEA kaj IFEF estas bonaj.

**5.2. FISAIC**

La kunlaboro inter FISAIC kaj IFEF estas bona. La Ĝenerala sekretario de FISAIC s-ro Georges Wallerand ĉeestis la IFEF-kongreson kaj salutparolis dum la solena inaŭguro.

**Fina komentario**

En mia ĉijara raporto, mi provis (pli ol antaŭe) eviti ripetadon de jam konataj kaj priskribitaj okazaĵoj kaj aferoj pri kiuj ni povis dum la jaro kaj legi kaj aŭdi de niaj komisiitoj.

Je mia opinio, ĉiuj plenumis siajn taskojn la plej bone laŭ la cirkonstancoj.

Mi mem, pli malpli ĝustatempe sed tamen regule finadis kaj dissendadis protokolojn pri niaj plej gravaj aferoj. Mi ricevis kaj plenumis ankaŭ «novan» taskon pri kiu nia Komitato decidis en Sopron kaj informis ĉiujn landajn sekciojn de FISAIC kaj niajn l.a.-ojn pri la sekvonta IFK.

Menciinde estas ke, ni ĉiuj, e-anoj kaj komitatanoj pli kaj pli multe komunikas rete, kio plifaciligas kaj pliefektivigas la laboron.

Pro la eventualaj mankoj kaj miskomprenoj, la sekretariino petas komprenon.

Zagreb, februaro 2005

*Marica BRLETIĆ, la sekretariino*

*De la paĝo 19-a*

de la danubaj lagoj, atakadis la peze movantajn turkajn ŝipojn, ŝarĝitajn per rabaĵoj el la Rumanaj Princlandoj? Ĉu, eble, ĝi estas sekreta vojo de la aŭdacaj genovaj komercistoj, kiuj faris prosperan negocon ĉe la enfluejoj de Danubo? Aŭ, ĉu ĝi estas indikilo por retrovi la kaŝejon de trezoro, kun ĉifro konata nur de la lerta kartografo? Ni vojaĝu al la lokoj, kien ĝi vokas nin. Kaj - kiu scias ? - eble ni malkovros respondon al ĉi-tiuj demandoj...

La deirpunkto estas la urbo **TULCEA,** apud kiu la kartografo kaligrafis Aegyssus - la antikvan nomon de la haveno, kiu estas "la pordo de la Delto".

Meze de la 19-a jarcento, la scienculo Boucher de Perthes - la fondinto de la paleolitika arkeologio -parolis pri sia pasado tra la "fortigita urbo Tultcha", kiu prezentas "unu el la plej agrablaj vidindaĵoj, kiujn oni povas renkonti. Temas pri armeo de ventmueliloj, ĉirkaŭ kvardek, krom tiuj, kiuj ne estas videblaj (...). Malproksime de Tultcha, la bordoj komencas esti pli kaj pli arbarriĉaj

La Milita por la Sendependenco de Rumanio estis entuziasme akceptita en Tulcea, kaj la rumanajn armeojn oni atendis tie kun tri triumfarkoj. La monumento, rememoriganta tiun militon (1877 -1878), ankoraŭ dominas la urbon. Ni tranoktos sur hotelŝipetoj al **Maliuc**.

La sekva tago estas dediĉita por "inspekti" la vidindaĵojn de la Delto. Uzante boatojn por remi aŭ motor-boatojn, la amatoroj de fiŝkaptado povas elprovi siajn ŝancojnNorden, oni povas veturi al **MILA 23** - tipa fiŝista vilaĝo, kies infanoj, onidire, "unue lernas naĝi kaj remi, kaj poste iri": kredeble, ja de tie devenas la monda kaj olimpia ĉampiono Ivan Pataichin (Pacajkin) - "la homo kun ora kanuo".

Tra la braketo **Eracle** oni atingas la **Lagon Matita** en la suda parto de la **nacia parko Roşca - Buhaiova** - vera trezoro de birdaro kun timemaj kaj izoliĝemaj paroj de cignoj, aroj de pelikanoj - de kie, je nura bruo, ekflugas ĉiuj specoj de birdoj, kovrantaj la ĉielon...

Venu kun ni malkovri la trezorojn de la danuba Delto...

## *Tagordo de la nepublika komitatkunsido 09.05.2005*

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongrespropono(j)
3. Diskuto kasraporto-bilanco 2004/buĝeto 2006
4. Diskuto, analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto venontaj kongresoj
6. Analizo eksteraj rilatoj
7. Eventualaĵoj

*********************************************************************************************

## *Tagordo de la publika plenkunsido 10.05.2005*

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honoro al la mortintoj
4. Estraranaj raportoj
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. Protokolo Sopron (HU)
6. Raporto de la ĉefkomitatano
7. Kongrespropono(j)
8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
   8.1. Gvidanto
   8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
9. Raportoj de la komisiitoj
   9.1 Skisemajno (IFES) 2005
   9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
   9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
10. Resumo de jarraportoj 2004 el la landaj asocioj
11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
12. Buĝeto 2006 kaj kotizkonfirmo
13. Rilatoj al aliaj organizoj
    13.1. UEA
    13.2. FISAIC
14. Venontaj kongresoj
    14.1 Konfirmo de invito al la 58-a IFK (CN) 2006
    14.2Elekto de lando por 2007, la 59a IFK
    14.3.Diskuto pri pluaj eblecoj
15. Venontaj IFES 2006 kaj 2007
16. Eventualaĵoj
17. Libera diskutado

## Raporto de la kasisto por la jaro 2004

| Enspezoj | Eŭroj | Elspezoj | Eŭroj |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 5933,00 | IF-presado | 2100,00 |
| FFK-vendo | 71,00 | IF-sendo | 1685,00 |
| Donaco | 18,10 | UEA-kotizo | 162,00 |
| Suplemento Historio | 10,00 | Afrankoj FK | 102,82 |
| SAEF-fonduso | 1956,05 | Estraro | 1234,61 |
| | | Bankkostoj | 9,50 |
| | | ifef.net | 28,70 |
| | | sumo Göteborg | 378,00 |
| Sumo : | 7988,15 | Sumo : | 5700,63 |

| Bilanco je la 31-a de decembro 2004 | | | |
|---|---|---|---|
| Aktivoj | Eŭroj | Pasivoj | Eŭroj |
| Banko | 4863,40 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| Sumo Göteborg | 378,00 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Ricevotaj kotiz. | 1064,00 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| | | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | UEA-konto | 190,32 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 2382,75 |
| | | ĉijara rezulto | 709,47 |
| Sumo : | 6305,40 | Sumo : | 6305,40 |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| Lando | 2003 | 2004 |
| Aŭstrio | 95 | 90 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | | 10 |
| Ĉeĥio | 55 | 40 |
| Ĉinio | 20 | 20 |
| Danio | 60 | 60 |
| Francio | 115 | 115 |
| Germanio | 202 | 185 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 80 | 72 |
| Japanio | 20 | 20 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 40 | 40 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio-Montenegro | | 20 |
| Slovakio | 20 | 20 |
| Slovenio | 10 | 6 |
| Svisio | 60 | 57 |
| Individuoj (1FI+7NL) | 8 | 8 |
| | 875 | 853 |

| Propono de buĝeto por la jaro 2006 | | | |
|---|---|---|---|
| Enspezoj | Eŭroj | Elspezoj | Eŭroj |
| Kotizoj | 6500,00 | IF-presado | 2150,00 |
| FFK-vendo | 50,00 | IF-sendo | 1750,00 |
| | | UEA-kotizo | 165,00 |
| | | Afrankoj FK | 130,00 |
| | | ifef.net | 29,00 |
| | | FFK-presado | 100,00 |
| | | Estraro | 1700,00 |
| | | Bankkostoj | 10,00 |
| | | Diversaj | 516,00 |
| Sumo : | 6550,00 | Sumo : | 6550,00 |

## Tagordo por la kunveno de FK dum la 57-a kongreso:

1. Bonvenigo kaj enkunduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 57a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 58a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio, korektado de la adreslisto).

# LA 24-a Aŭtunvintra konferenco de BFES ĉe BEA

La 20-21-an de novembro 2004 okazis la 24-a laŭvice konferenco de bulgaraj fervojistaj esperantistoj.

Dommastrejo estis la ripozdomo RODINA (patrolando), posedaĵo de la bulgaraj fervojistoj, situanta sur montaro VITOŜA.

Buso veturigis ĉirkaŭ 50 gekonferencanojn ĝis tiu ĉi pitoreska loko. La frufalanta neĝo, la silento, la surŝutitaj arbobranĉoj desegnis antaŭ niaj okuloj ne forgeseblan bildon kaj sopirojn. La konferenco estis malfermita je la 16.30 h.



*Parto de la grupo jus alveninta sur la montaro Vitoŝa por konferenci*

Koncizan raporton pri la raportata periodo tralegis prezidantino de la sekcio inĝ. V. Kamburova. Ŝi tuŝigis konatajn problemojn: stagnon, malamasigon de niaj esperantistaj vicoj, maljunaĵon de la geesperantistoj, mankon de ejoj por lernado de la lingvo ktp.

La financa raporto ankaŭ ne optimistas kaj favoras. Inter tiuj ĉi malgajaj faktoj briletas, kiel karbetoj en la mallumo, tie kaj tie aktiveta agado en urboj : Stara Zagora, Pleven, Plovdiv. La apostoloj esperantistaj ŝparas nek tempon, nek penadon por prospero kaj revivado de nia amata lingvo. Faris eldirojn la partoprenintoj en diversaj esperantaj aranĝoj - en kaj ekster-lande: IFEF, SAT, UEA kaj BEA kongresoj.

Estis proponitaj 3 aktivuloj kiel honoraj membroj de BEA antaŭ ties estraro por aprobo, nome Tonco VÀLEV, Petranka LALOVA kaj Vera KIROVA. Estis ankaŭ diskutitaj aliaj aktualaĵoj: venonta IFEF kongreso en Braşov - Rumanio, la loko por skisemajno dum 2006-a jaro (estis elektita kiel plej taŭga ripozo-kaj ski-loko BOROVEC ) ktp.

Poste venis amuzaĵoj, humuraĵoj, dancoj ĝis frumatene.

*Stanil NIKOLOV*

# Zamenhof-Tago en Vieno

Kiel oni scias, antaŭ 145 jaroj, la 15-an de décembre 1859 en la pola urbo Bialistoko /tiam apartenanta al Ruslando/ naskiĝis Ludoviko Lazaro Zamenhof, kreinto de la internacia lingvo, kiel li mem nomis la proponatan lingvon. Esperantistoj en la tuta mondo, tradicie, solenas tiun ĉi tagon per diversaj manieroj - prelegoj, vizito de lokaj monumentoj de Zamenhof kaj aliaj ZEO-j, kulturaj aranĝoj...



*Univ. prof, d-ro Hans Michael Maitzen prelegas.*

Probable, la plej konvena fariĝis la maniero proponita jam en 1927 fare de la hungardevena E-poeto, verkisto kaj dramverkisto Julio Baghy: la naskiĝdatrevenon de d-ro Zamenhof oni ĉiujare solenu samtempe ankaŭ kiel "Tago de la Esperanta literaturo", do Tago de la E-libro.

Unu el la tradiciaj internaciaj renkontiĝoj de la esperantistoj estis ankaŭ solena aranĝo, okazinta sabaton la 11-an de decembro 2004 en la Pola Instituto en Vieno (Aŭstrio). Partoprenis dekoj da delegitoj kaj aŭstriaj kaj eksterlandaj E-organizoj. Ne mankis reprezentantoj de IFEF, Aŭstria Esperantista Federacio, AFEF kaj aliaj.

Post bonvenigaj salutvortoj fare de la direktoro de la Pola Instituto en Vieno magistro Cezary Kruk, la partoprenantoj dum kelkhora kultura programo unue aŭskultis interesan prelegon de la direktoro de la Internacia E-Muzeo en Vieno magistro Herbert Mayer pri postlasaĵo de Zamenhof kaj aktivecoj de la Muzeo. La plej signifa, lastjare, estis la organizita simpozio "Esperanto en uragano de la ideologioj" de la 7-a ĝis 10-a de oktobro 2004 okaze de la 75-a datreveno de agado de la Muzeo kaj centjara naskiĝ-datreveno de Lidja Zamenhof , la plej juna filino de Zamenhof, Cseh-metoda instruistino, verkistino kaj tradukistino de kelkaj libroj al Esperanto, kiel "Iridiono" de la klasika pola aŭtoro Krasinski, la noveloj de Boleslaw Prus, kaj "Quo Vadis" de Sienkiewicz. Dum la simpozio, aparte okazis ekspozicio pri Esperanto kaj E-literaturo kaj estis aranĝita dudeko da E- rapidkursoj kun partopreno de 1025 lernantoj.

En alia prelego univ. prof, d-ro Hans Michael Maitzen, prezidanto de la Aŭstria E-Federacio memorigis la memorindan 50-an datrevenon de 1954, kiam vendrede la 10-an de decembro, la 4-a Ĝenerala Konferenco de UNESCO en Montevideo akceptis specialan rezolucion dediĉitan al Esperanto kaj tiel oficiale rekonis valorojn de Esperanto por scienco, klerigo kaj kulturo. En la sekva parto li parolis pri la 25-jara agado de la viena filio de UNO kaj

## Pripensado pri la skisemajno

Estimataj geamikoj



Kadre de nia federacio IFEF, jam de pli ol 40 jaroj (1963), ĉiuvintre okazas skisemajno, eĉ kun disdono de IFEF premioj en iu ajn lando aliĝanta al nia federacio .

Tiu aranĝo permesas uzi la lingvon Esperanto en amika kaj familia etoso kaj samtempe ĝui la montarajn sportojn kaj pejzaĝojn.

En la jaro 1997, dum la kongreso en Košice, mi estis komisiita kiel respondeculo de la aranĝo. Nuntempe, pro familiaj kialoj, mi ne plu povas certigi mian partoprenon. Tial estus bone, ke iu pretu anstataŭi min, ke eble almenaŭ ekzistu en la statuto de IFEF ian skisemajnan spuron. Tial, mi proponas, ke oni pripensu la aferon cele al diskuti pri la neceso eventuale envicigi, en la statuton, skisemajnan regularon. Tio estus grava helpilo por la venontaj respondeculoj.

*Hubert Peyrouty*
*Respondeculo de la skisemajno*



pri agado de la Internacia E-Universitato en San Marino, kie li aktivis kiel lektoro.

Post paŭzo, ni spektis videofilmon de la pola reĝisoro Romane Dobrzyriski "Roko de la libereco" en Esperanto. La filmo atentoveke pritraktas la historion kaj nuntempon de tiu ĉi malgranda ŝtato sur Itala duoninsulo -San Marino /61 km$^2$/. San Marino estas sendependa respubliko ekde la jaro 1253 estrata de la du kapitanoj-regentoj /nur en 1739-40 okupata de la Eklezia Ŝtato kaj en 1944 de la germana armeo.

En muzikaj partoj rolis muzikistoj polaj Michel Bialk kaj Jan Janicki, kiuj pianludis partojn el muzikverkoj de Frederyk Chopin kaj Johannes Brahm,

Oficiala parto de la programo finiĝis per la komuna kantata E-himno "La Espero" kun pianakompano de Rudolf Pühringer.

Sekvis amika babilado kun interŝanĝo de informoj, dume oni gustumis dolĉaĵojn kaj trinkaĵojn senpage disponigitajn de la organizanto - la Pola Instituto, kiun ni dankas por la bone preparita kulturaranĝo.

*Jindřich Tomíšek, Ĉk de IFEF*

*En la lasta cirkulero, laŭ la impulso de nia IFEF-prezidanto, nia ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek instigas nin kolekti la materialojn kaj verki novajn paĝojn okaze de la baldaŭa centjariĝo de nia federacio.*

***Jam faris tion la Kroata Fervojista Esperanto-Asocio.***

***Ĉi tiu libreto entenas historian trarigardon pri la 50-jara aktiveco de la Fervojista Esperanto-Asocio en Zagreb, nun Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, kun la omaĝo al ĉiuj unuopuloj kaj institucioj de fervojistaj esperantistoj.***

## *Jen la enkonduko verkita de la estraro de KFEA*

## 50 JAROJ DE KONTINUA AGADO

Pasis 50 jaroj de organizita laboro de kroataj fervojistaj esperantistoj, kiu komenciĝis per fondiĝo de Fervojista Esperanto-Societo Zagreb, precize la 23-an de decembro 1954.

Jen la okazo por celebro kaj fiero pri pasinta duonjarcenta vojo, agante por la plej grava celo: disvastigi Esperanton inter kroataj fervojistoj. En tiuj streboj ni havis same pli sukcesajn paŝojn kaj rezultojn ol nuntempe. Pri tio, pli da detaloj troviĝas en ĉi tiu broŝureto.

Komence, Fervojista Esperanto - Societo Zagreb troviĝis en la kadro de jugoslaviaj fervojistoj ĝis la sendependiĝo de Kroatio en la jaro 1991. Tiam ĝi memstariĝis sub la nomo de Kroata Fervojista Esperanto-Societo (KFES) kaj fariĝis reprezentanto de kroataj fervojistaj esperantistoj. Sekvantan jaron KFES aniĝis al la internacia familio de fervojistaj esperantistoj IFEF, ŝanĝinte en 1998 sian nomon sub kiu ĝi nun festas la jubileon - Kroata Fervojista Esperanto - Asocio (KFEA).

Jubileante, ni esperas ke KFEA daŭre




kontinue agadu irante la saman vojon kaj noble agante por la plej bela aspiro de la homaro.

Anstataŭ grandaj vortoj kiuj normale apartenas al la 50-jara jubileo - ni deziru ke KFEA daŭrigu persiste labori inter kroataj fervojistoj, pruvante ke la ideoj de Esperanto méritas tion.

*Estraro de KFEA*

## DATREVENO(J) DE KROATA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO

La 21-an de decembro 2004 Kroata Fervojista Esperanto-Asocio (KFEA) okazigis solenan, sed modestan feston de grava datreveno - 50 jaroj de kontinua agado. Nome, la 23-an de decembro 1954 estis fondita Fervojista Esperanto-Societo Zagreb en la ejoj de Sindikata filio de la lokomotivremizo en Zagreb, Palmotićeva 57. Kvindek jarojn poste, en la sama strato, en sama spaco, kiu apartenas al la Sindikato de lokomotivestroj de Kroatio, nuna portanto de kontinuiteco de FES Zagreb (inter fino de 1991 ĝis 1998 kiel Kroata Fervojista Esperanto-Societo). La Kroata Fervojista Esperanto-Asocio festis sian jubileon.

Ariĝis preskaŭ ĉiuj membroj de nia Asocio kaj gastoj el Esperanto-Societo "Bude Borjan" el Zagreb, Kroata Esperanto-Ligo (KEL) kaj el Kroataj Fervojoj. La feston malfermis prezidantino Marica Brletić. Estis prezentita libreto pri historio de KFEA sub la nomo "Niaj kvindek jaroj 1954 – 2004". Pri siaj longjaraj esperantaj travivaĵoj en la kadro de la tiama FES Zagreb, legis memorojn s-inoj Elfride Koren kaj Anka Špehar-Šantolić kaj parolis s-ro Franjo Šlabek, eksa prezidanto kaj honora prezidanto de KFEA. Je la nomo de KEL parolis ĝia sekretariino s-rino Spomenka Štimec kaj je la nomo de ES "Bude Borjan" s-ro Nedjeljko Korasić. Vicprezidanto de KFEA Zlatko Hinšt prezentis malgrandan ekspozicion kun eksponatoj el historio de la fervojista E-movado, okaze aranĝita en ejoj de la festo. Infana grupo de la prezidantino de la Kroata Esperantista Unuiĝo, s-ino Marija Belošević, prezentis sian programon – aro da tradiciaj kroataj kristnaskaj kantoj kaj tradukitaj poemoj de kroataj verkistoj. Tiel, ni kune kun la jubileo, trafestis ankaŭ novjarajn festotagojn. Tio estis agrabla esperanta renkontiĝo.

Ĉi-jare, ni havas novan, sed pli malnovan datrevenon ol antaŭe menciita okazo – 80 jaroj de fondiĝo de la unua fervojista Esperanto-societo en tiama Jugoslavio. La menciita societo estis fondita en Zagreb la 30-an de aprilo 1925. Tre favora okazo por tio estis, ke kroataj esperantistoj transprenis en la jaro 1924 la gvidadon de tiama Internacia Asocio de Esperantistoj Fervojistaj (IAEF). Unua Societo agadis kelkajn jarojn. En Zagreb aperis kelkaj numeroj de ĝia organo "La Fervojisto", kiujn redaktoris Ilija Puhalo.

Denove en la jaro 1953, post la Universala kongreso en Zagreb, kolektiĝis fondintoj de la estonta FES Zagreb – Franjo Debić (unua prezidanto), Drago Šnajdar, Nikolaj Kizem, Drago Gubijan, Ivan Uščumlić, Marinko Gjivoje, Josip Zupanić kaj aliaj. Ekde la jaro 1954 komenciĝis historio de kontinua agado de fervojista E-societo. En la jaro 1955 FES Zagreb fariĝis membro de ĵus tiam fondita Jugoslavia Asocio de Fervojistaj Esperantistoj (JAFE). Sekvontan jaron, en 1956, FES Zagreb eldonis tri numerojn de sia organo sub la nomo "Jugoslavia Fervojisto" kiun post tio oni transprenis kiel oficiala organo de JAFE. Ĝia 1-a plej elstara redaktoro estis s-ro Josip Zupanič. Li ankaŭ estis merita por tradukado de internaciaj fervojaj regularoj kaj konvencioj (RIC, RIV kaj CIM) kaj kun s-ro Ljudevit Sekereš li estis kunaŭtoro de Fervoja Terminareto (Esperanto – serbokroata kaj Serbokroata - Esperanto – tiama komuna nomo de la plej disvastigita lingvo en eksa ŝtato) kiu enhavis 3 000 fakajn terminojn de UIC.

Revuo JF regule aperadis por nia societo ĝis la jaro 1991. Pro la milito kaj sendependiĝo de Respubliko Kroatio, ekestis KFES kiu ekde tiu jaro plue ne estis membro de JAFE, kaj dum la IFEF-



kongreso en Münster fariĝis memstara landa asocio. Ni ankaŭ memoras aliajn meritoplenajn membrojn – la plej longjaran prezidanton Veljko Šegrc, kiu gvidis Turisman sekcion kaj sekretariinon Ana Medić, kiu multjare tajpis JF-on kaj aliajn materialojn. Estas menciinde originala esperanta verko "Zagreb Historia prezento – gvidlibro" de nia ano Velimir Lukež. Li, multajn jarojn gvidis niajn porkomencantajn kursojn. De komunaj sukcesoj la plej grava estas organizado de IFEF-kongreso en Rijeka (1957 - unua en Kroatio), kaj kunorganizado en kongresoj en eksa Jugoslavio, en Maribor (1971 – Slovenio) kaj en Skopje (1986 - Makedonio). Niaj membroj ĝis nun ĉeestis la kvindek IFEF-kongresojn. Ni ankaŭ partoprenis al naciaj E-kongresoj kaj aliaj E-aranĝoj. Estas grave mencii aktivan laboron de niaj anoj dum la UK en Zagreb en la jaro 2001.

Nun la Kroata Fervojista Esperanto-Asocio kun siaj kvardek anoj daŭrigas siajn aktivecojn en modestaj kondiĉoj. Ĉiun semajnon okazadas porkomencantaj kursoj, sed unu foje en monato estas lingvaj ekzercoj kaj prelegoj pri fervojaj temoj. Niaj anoj preparadas siajn kontribuaĵoj en programo de KFEA.

Nia prezidantino M. Brletić aktivas kiel sekretariino de IFEF, kaj vicprezidanto Z. Hinšt aktive laboras en kadro de fakaj komisionoj. Malgraŭ malfacilaĵoj (manko de monrimedoj, nefavora profesia, aĝa kaj seksa strukturo de membraro) ni obstine iras antaŭen kaj kredas en pli bona estonteco.

*Zlatko Hinšt*

**KONGRESPROPONO n-ro 1 - IFEF-Kotizo**

Nome de la IFEF-estraro, la IFEF-Kasisto proponas fikson de la federacia jara kotizo je 9,00 €, kun valido ekde la jaro 2006.

Komentario:

Konsiderante la malkreskon de la membraro kaj la ĝeneralan emon al plialtiĝo de ĉiuj kostoj, necesas modifo de la jarkotizo, por eviti ke post nelonge manko de minimumaj rimedoj ne malaltigu la nivelon de bone organizita agado, de regula eldono de la federacia organo, ktp.

# 46-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

Ekde la 23a ĝis la 28-a de januaro 2005 okazis en La Molina, katalunaj Pirineoj, la 46-a Internacia Fervojista Skisemajno.

Ni ricevis 42 aliĝilojn, sed nur ĉeestis 32 partoprenantoj el Francio, Danio, Germanio, Belgio, Rumanio, Hungario kaj Katalunio. Helpis multe al ni konsiloj de Denise Happi-Fosso, filmoj de ŝia edzo Hilaire pri pasintaj Skisemajnoj, skiaj spertoj de Jean Mevel pri skikonkurso kaj donaco de Johann Geroldinger pri premioj.

La skiantoj pli aĝaj ol 65 jaroj povis senpage supreniri la pintojn per televagonoj kaj teleseĝoj.

La partoprenantoj dum la skisemajno






Resume: la semajno pasis jene: ***Dimanĉon*** 23-an, alveno de la partoprenantoj, disdonado de dokumentoj kaj Interkona Vespero.

Matene kaj vespere multaj skiis, kelkaj kuraĝuloj piediris malgraŭ la siberia vetero kiu alvenis dum la semajno. ***Lundon*** 24-an, vespere; esperanta kanto kun muziko kaj tekstoj de kanzonoj.

***Mardon*** 25-an, projekciado de filmoj pri pasintaj Skisemajnoj fare de kompetenta filmisto Hilaire Happpi-Fosso.

***Merkredon*** 26-an, Maskobalo en la malgranda diskoteko de la hotelo. Estis diversaj originalaj elpensitaj modeloj, unuj improvizitaj kaj aliaj bele vestitaj imitante historian figuron.

***Jaŭdon*** 27-an, komuna fotado post matenmanĝo kaj skikonkurso; vespere lingva konkurso kun 23 partoprenantoj atingintaj tre altan nivelon.

***Vendredon*** 28-an, disdonado de premioj pri maskobalo, lingvakonkurso kaj skiado. Ni iom trinkis kaj dancis.

***Sabaton*** 29an, matene adiaŭo kaj kisoj.

Unuan premion de Skikonkurso gajnis Denise Happi-Fosso

Unuan premion de Maskobalo gajnis Francine Schwartz

Unuan premion de Lingva konkurso gajnis Erik Mortensen.

Gajan etoson ni ĝuis dum la semajno.

*Marti Guerrero*

# En jaro 2006, ĝuu la ĉinan etoson partoprenante la 58-an IFEF-kongreson en Ŝanhajo

## Vojaĝeblecoj fare de la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio (H.F.E.A.)

H.F.E.A organizas la vojaĝadon al la 58-a IFK okazonta en la ĉina urbo Ŝanhajo inter la 6-a kaj la 12-a de majo 2006.
Du variantoj estas proponataj.

**Unua varianto:**

- 02/05, foriro aviadile el Budapest
- 03/05, alveno en Pekinon kaj urbvizito
- 04-05/05 vizito de Pekino kaj de la ĉirkauaĵo (i.a. Granda Muro ĉe Badaling)
- 06/05 Antaŭtagmeze, flugo al Ŝanhajo kaj partopreno en la IFEF-kongreso
- 07 ĝis 11/05 partopreno en la diversaj aranĝoj kadre de la normala kongresa programo
- 12/05 partopreno al la kongreso kaj vespere flugo al Budapest.

Tiu aranĝo kostas **1 800 €** laŭ la nuna kurzo. Kompreneble la prezo povas altiĝi por 2006.
Krompago por unulita ĉambro: **300 €**
***La prezo enhavas*** :flugbiletojn (Budapest-Pekino, Pekino-Ŝanhajo, Ŝanhajo-Budapest) flughavenajn impostojn, transporton inter la flughavenoj kaj hoteloj, hotelkostojn (inkluzive matenmanĝo), tagmanĝojn dum la tuttagaj ekskursoj, fremdulgvidistojn dum la tuta vojaĝo, kaj lokajn ĉiĉeronojn, ekskursojn per specialaj aŭtobusoj kun enirbiletoj .

**Dua varianto:**

Inter la 2-a kaj 11-a de majo, la programo similas al la unua varianto. Plie estas:

- 12/05 partopreno en la kongreso,
- 13/05 matene flugo al Lhasa (ĉefurbo de Tibeto) kaj urborigardo,
- 14/05 Tuttaga ekskurso en Lhasa kaj ties ĉirkaŭaĵo,
- 15/05 Urbovizitado kaj vespere flugo al Katmandu,
- 16/05 tuttaga ekskurso en la urbo Katmandu kaj la ĉirkaŭaĵo,
- 17/05 matene flugo al Delhi (ĉefurbo de Hindio) kaj urbo vizitado,
- 18/05 matene aŭtobus-veturado al la urbo Jaipur kaj urbovizitado,
- 19/05 matene aŭtobus-veturado al la urbo Agra. Vizito de la urbo; vespere autobus-veturado al la urbo Delhi,
- 20/05 Dehli, urbovizitado; vespere flugo al Budapest,
- 21/05 antaŭtagmeze, alveno en Budapest.

Tiu aranĝo kostas **3 200 €** laŭ la nuna kurzo. Kompreneble la prezo povas altiĝi por la jaro 2006.
Krompago por unulita ĉambro: **560 €**
La prezo enhavas flugbiletojn (Budapest / Pekino, Pekino / Ŝanhajo, Ŝanhajo / Lhasa, Lhasa / Katmandu, Katmandu / Delhi, Delhi / Budapest).
La pluaj enhavoj estas samaj kiel en la unua varianto.
La vojaĝojn organizas la hungara vojaĝ-agentejo "OK Travel" kune kun la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio.
La vojaĝoĵ realiĝos, se la minimuma nombro de la partoprenantoj atingos 15 en ĉiu varianto.
Se vi volas partopreni kun ni en la vojaĝo, bonvolu aliĝi dum la 57-a IFEF-kongreso en Braşov, aŭ perletere ĝis la fino de majo 2005 ĉe nia vicprezidanto István Gulyás. Kaze de la aliĝo, vi devas antaŭpagi 10%-ojn de la vojaĝkosto.

*Venu kun ni al la mirinda vojaĝo.*

**Budapest, la 3-an de februaro 2005.**
**István Gulyás**
**vicprezidanto de IFEF**
**prezidanto de HFEA**

# Kulturdomo de Esperanto
# Kastelo Grezijono
# 49150 Baugé Francio

☎: +33(0)2 41 89 10 34 (kun respondilo)
retadreso: **grezijono.kastelo@free.fr**
ttt-ejo: **http://gresillon.org**

La senprofitcela asocio
" Kulturdomo de Esperanto"
proponas ĉiujare :

- kursojn diversgradajn,
- prelegojn diverstemajn
- distraĵojn diversspecajn
- eskursojn en belega regiono

Ĝi disponigas al la staĝanoj :

- kurso-ĉambrojn, salonojn,
- ampleksan bibliotekon,
- libroservon,
- butikon kaj trinkejon,
- sportejojn (tenistablojn, flugpilkejon, 2 migradpadojn...)

Ekde nun vi povas informiĝis pri la venonta programo

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*



**INTERNACIA FERVOJISTO**
57-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**
**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"
**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"
**Redaktoro:** Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"Jeanripoche@wanadoo.fr"
**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"
**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"Laurent.Vignaud@wanadoo.fr"
**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR33200410101109293 74Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE
**UEA-konto:** iffk-o
**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.
**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario
**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494
**Faka komisiono**
GV: Jan Nieman:
"esperanto@mail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"IFEF.B90Gr-mei@-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz"